6a JARO. AŬGUSTO 1914. 10a N° (70)


# BELGA ESPERANTISTO


MONATA REVUO


*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

| **Redakcia parto** : | **Administracia parto** : |
|---|---|
| OSCAR VAN SCHOOR | FRANS SCHOOFS |

*Oni sendu ĉion, kio rilatas ĉu la Redakcion, ĉu la Administracion, al la adreso : Belga Esperantisto, Vondelstraat, 20, Antwerpen.*
*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*


# VIa Belga Kongreso de Esperanto

## MECHELEN, 31 MAJO - 1 JUNIO 1914

(FINO)

Post promenado tra la urbo kaj vizito al la famaj monumentoj, ĉiuj kongresanoj estis, vespere, ree kunigitaj en la malnova Urba Teatro.

Tie ni ĝuis la plej belan vesperfeston iam organizitan ĉe niaj ĉiujaraj kongresoj.

F-ino VERHESSCHE kantis *Ninon* de P. TOSTI, kaj *Mi havas nur vin* de G.NORCERI. F-ino VERMEULEN deklamis ĉarmege *Preĝo al Sankta Katarino,* monologo de F. BEISSIER. La unuakta spritplena komedio *Hejma Paco* (La paix chez soi) de COURTELINE, tradukita de FRANS SCHOOFS, estis bonege ludata de F-ino VERMEULEN kaj S-ro A. VAN DE VELDE.

La Gentaj samideanoj ludis tradukajon de GASTON MOCH de la unuakta komedio *Angla Lingvo sen Profesoro* (L'anglais tel qu'on le parle) de TRISTAN BERNARD. F-ino ARICKX estis ĉarma Betty; la rolon de la interpretisto amuze ludis S-ro M.SEBRUYNS, kaj S-ro PETIAU montriĝis perfekta «jeune premier».La aliaj roloj estis kontentige plenumataj de S-ro SENNOMO (Hogson), F-inoj A. COLYN (servisto) kaj E. COLYN (kasistino) kaj S ro SNISSAERT (ho! kiel terura polica inspektoro! brrr! li vere timigis min).

Dum la interakto S-ro F. SCHOOFS prezentis la senkulpigojn de F-ino MOYAERTS, kiu pro malsano ne povis partopreni en la festo, kaj de S-ro GOHR, kiu pro manko de konvena instrumento ne povis ludi la du uverturojn de la programo.

La parolanto ankaŭ komunikas la salutojn de la kongresantaj hungaraj esperantistoj en Szeged kaj legas jenan telegramon : « Leipzig-Bugra. — Al la belgaj fervoraj gefratoj sendas korajn

» salutojn kaj bondezirojn por sukcesplena Kongreso pli ol 600
» germanaj kongresanoj. — Germana Esperanto-Kongreso. »

Longaj aplaŭdoj salutis tiujn lastajn komunikaĵojn.

La lasta numero de la programo estis *Bietje*, unuakta teatraĵo de Maurits Sabbe, tradukita de D-ro W. Van der Biest. Se la nevenintaj esperantistoj de Belgujo devas bedaŭri unu



aferon, estas la fakto, ke ili ne ĉeestis la prezentadon de tiu ĉarma ludaĵo. Perfekte ĝi estis prezentita de S-roj J. De Waegenaere, de la Popola Teatro de Antwerpen kaj A. Van de Velde, kiuj perfekte ludis la rolojn de la forta, regema kaj egoista Jean-

Baptiste kaj de la malforta, subpremata Monne. Mi ne kuraĝas entrepreni la priskribon de la rava ludo de F-ino MARGUERITE BERTRIJN, de la Reĝa Nederlanda Teatro de Antwerpen. La tondra kaj neĉesanta aplaŭdado de l' aŭdantaro sufiĉe montris, ĝis kiu grado ŝia arto plaĉis.

S-ro MAURITS SABBE, kiu ĉeestis la feston, intime gratulis la geaktorojn kaj la tradukinton, kaj dankis ilin pro la belega prezentado de sia verko.

Notindaj estas la nomoj de S-roj J. DE WAEGENAERE kaj L. BERTRIJN, kiuj enscenejigis, la unua, *Hejma Paco*, kaj, la dua, *Bietje*.

* * *

Lundon tre frumatene la kongresanoj iris, malgraŭ la pluvego, al Willebroeck, kie ili vizitis la famekonatan paperfabrikejon de la An. Soc. De Naeyer. Dank'al la bonvolemo de S-ino DE NAEYER ili havis ankaŭ la plezuron viziti la superbelan parkon. (Mi forgesis diri, ke intertempe la vetero jam iomete pliboniĝis.)

Poste oni promenadis laŭlonge de la Willebroek'a kanalo al Boom, kie la kongresanoj estis akceptataj de la *Boom'a grupo Esperantista*. Okazis en *Hôtel de l'Univers* gajplena festeno, dum kiu la loka prezidanto, S-ro CLERBAUT, esprimis sian ĝojon pro la vizito de la multnombraj geamikoj. Kiel memoraĵon de la ekskurso li donacis al S-ro WITTERYCK belan brelokon kun la insigno de la *Boom'a Grupo*.

La kongresanoj reveturis posttagmeze al Mechelen, por aŭdi la impresan kaj ĉarman sonorilarkoncerton de S-ro DENYN sur la St Rombaŭtturo.

Konkludo : sukceso ĉiurilata. Esperu ni, ke tiu kongreso definitive starigos la Esperantan arbon en Mechelen kaj ke ni povos saluti baldaŭ en tiu urbo grandan aron da fervoraj batalantoj por nia movado.

Oni anoncas jam la organizon de Esperanto kurso, do... bona signo ! F. S.

## Parolado dirita de S-ro WITTERYCK, prezidanto de la « Belga Ligo Esperantista », en la urbdomo de Mechelen.

*Hooggeachte Heer Schepen, Mijnheeren,*

De snelle ontwikkeling en uitbreiding der stoffelijke verkeermiddelen — stoomschepen, treinen, automobielen, schrijf- en spreekdraden, en nu in de laatste tijden de vliegtuigen en de draadlooze verrespreker — hebben de afstanden tusschen de verschillende volkeren om zoo te zeggen vernietigd, en het gansche menschdom wordt als voortgestuwd op een gemeenschappelijke baan.

Is het niet treurig te moeten vaststellen, dat het onmiddellijke gevolg van dien grooten stoffelijken vooruitgang is, dat wij onze hoop vaker en sneller verbrijzeld zien tegen de hinderpalen der taalverscheidenheid ?

't Is waar, door ten koste van veel tijd, geld en moeite een half dozijn talen aan te leeren, kan men het bezwaar gedeeltelijk uit den weg ruimen, doch dat volstaat niet om aan de hedendaagsche eischen te voldoen. Daarbij,dat hulpmiddel vergt te veel kostbaren tijd en is slechts in het bereik van hen, die over eene groote begaafdheid en eene welvoorziene beurs kunnen beschikken. Bij dezen geneest het dan nog de kwaal maar ten halve, daar het hun toelaat slechts met eenige, en niet met alle, beschaafde volkeren te onderhandelen.

De stoffelijke vooruitgang en ook onze steeds toenemende behoeften, de gedurig aangroeiende mededinging, leggen het menschdom den plicht op naar een meer doelmatig middel van gedachtenwisseling uit te zien.

Wat men hebben moet is een eenvoudige taal ; dat wil zeggen, eene taal die weinig studie vergt en derhalve kan aangeleerd worden zoowel door het burgerskind en den arme als door den rijke, zoowel door den minder bemiddelde van geest als door het meer begaafde verstand. En aan die vereischte voldoet het Esperanto, het wonderbare voortbrengsel van Dr ZAMENHOF, van dien grooten man, die door het nageslacht gezegend en vereerd zal worden.

De stoffelijke vooruitgang heeft de lichamen bij elkaar gebracht, het Esperanto zal het menschelijk werk voltrekken door de geesten nader bijeen te brengen.

Men staat waarlijk verbaasd bij het zien der onverschilligheid, die sommigen tegenover zulk een grootsch werk van beschaving, van vooruitgang, van vrede, aan den dag leggen.

In alle landen der wereld telt het Esperanto talrijke ijverige en onbaatzuchtige voorstanders, ja zelfs onder de meest geletterden en onder de hoogste waardigheidsbekleeders.

Ons vaderland prijkt aan de spits van den œconomischen vooruitgang der gansche wereld en mag zich beroemen op den bloei van zijne nijverheid en zijnen handel. Zijne bevolking is befaamd voor hare werkzaamheid, haar vernuft en hare volharding, waardoor zij verbazingwekkende uitslagen weet te bekomen op menig gebied. Hier ook, bij deze belangrijke onderneming, willen de Belgen niet achterblijven ; zij begrijpen zeer goed welken grooten invloed de algemeene aanvaarding eener zelfde hulptaal op al hunne ondernemingen hebben moet. Hier ook tellen wij onze baanbrekers, en het is het puik van die ijverige voorstanders,van die vredelievende strijders, dat ik de eer heb hier aan het hooggeachte Stadsbestuur van Mechelen voor te stellen.

De woorden zooeven door den achtbaren Heer Schepen uitgesproken overtuigen ons ten volle dat wij hier verlichte

vrienden ontmoeten, die onzen arbeid waardeeren ; die hooge goedkeuring zal voor ons eene aanmoediging, een prikkel te meer wezen ; ook waren wij er bij voorbaat van verzekerd, daar de Heer Burgermeester dezer stad ons reeds sedert verscheidene jaren de eer deed het eerevoorzitterschap der alhier bestaande Esperantische groep te bekleeden en niet aarzelde ook dit Kongres onder zijne vereerende bescherming te nemen.

Wij twijfelen er niet aan of ons Kongres zal vruchten dragen, niet alleen voor de deelnemers, maar ook onder de bevolking der stad, die, aangemoedigd door het voorbeeld harer achtbare Leiders, talrijk zal opkomen, om zich te scharen onder de banier der groene ster, het teeken onzer verwachting ; en als wij het oude Mechelen nogmaals zullen bezoeken, zullen zijn vele merkwaardige gebouwen voor ons een dubbelen luister afwerpen: immers onder hunne schaduw zullen wij een talrijke schaar van vrienden aantreffen, die, met dezelfde gedachten als wij bezield, ons de broederhand zullen toereiken en ons in de welluidende Esperanto-taal zullen begroeten.

Aan den hooggeachten Heer Schepen, aan al de Heeren Leden van het Stadsbestuur, bieden wij onzen innigsten dank, in onzen naam, in naam der Kongresleden en ook in naam van onzen dierbaren Meester, Dr ZAMENHOF,en van alwie belang stelt in zijn groot werk van beschaving, vooruitgang en vrede.

## Raporto de S-ro PETIAU, sekretario de la « Belga Ligo Esperantista », pri la lasta Liga jaro.

*Altestimataj Gesamideanoj,*

La unuan fojon mi havas la honoron raporti al vi pri nia belga esperantista movado. Antaŭ ĉio, mi faras al mi devon danki mian antaŭulon S-ron CHAMPY,kiu, dum pluraj jaroj, tiel sincere, tiel fervore kaj ageme klopodis por antaŭenirigi nian belgan movadon. Mi tutkore dankas lin pro la multvalora helpo, kiun tiel afable li ne malĉandis al mi por la plenumado de mia tasko, kiun mi klopodos plenumi tiel kontentige, kiel li faris dum sia sekretarieco.

Mi havas ankaŭ la malagrablan devon saluti la memoron de unu el niaj plej simpatiaj, plej fervoraj esperantistoj, nia bedaŭregata vicprezidinto Pastro RICHARDSON. Mi lasos al pli kompetenta ol mi la taskon priskribi lian belan vivon ; mi nur volas memorigi al vi, kiel bona, kiel pacema, kiel grandanima homo li estis. Dum multaj jaroj li dediĉis siajn tutajn fortojn al la disvastigado de nia bela idealo. Malgraŭ sia grandaĝo li ageme batalis ĝis kiam la morto venis lin forrabi de ni. Sed, se la homoj forpasas, la ekzemploj restas : mi estas konvinkita, ke la bela vivo de tiu bonkora viro, kies nobla devizo estis *Homo estu homa*,estos fruktodona, kaj ke ni ĉiam memoros lian toleremon kaj homamemon, kiuj devas esti la ĉefaj ecoj de vera esperantisto !

Raporti pri nia lastjara agado estas por mi tasko vere agrabla. La laboro efektivigita estas ja ege kontentiga. Nia lasta Kongreso, kiun la Spadanaj amikoj tiel zorgeme organizis, multe helpis la disvastigadon de Esperanto en la beleta urbo Spa kaj ĉirkaŭaĵo.

Specialajn dankojn ni ŝuldas al Ges-roj BORCKMANS kaj S-ro DESONAY,la tieaj viglaj propagandistoj.

Sed la plej grava okazintaĵo estas certe la « Internacia Esperantista Semajno », kiu okazis en Gent de la 14a ĝis la 20a de Aŭgusto, dank' al la klopodoj de kelkaj fervoraj geamikoj, kiuj dum preskaŭ unu tuta jaro sin malavare oferdonis por sukcesigi tiun gravan entreprenon. Inter ili mi ne povas preterlasi citi kaj danki speciale F-inon SCHEPENS, kiu tiel kontentige prizorgis la malfacilan taskon loĝigi la kongresanojn ; S-rojn MAERTENS, SEBRUYNS, VERMANDEL, DE BRUYCKER, BARBE, SIMONIS, VAN CLEEMPUT kaj VERMANDERE, kaj ĉiujn, kiuj kunlaboradis por organizi tiun malfacilan taskon. Kiel sekretario de la *Genta Semajno*, mi ekkaptas la okazon por danki ĉiujn, kiuj respondis al la alvoko de la organizintoj. Dank' al ili la sukceso estis plena : pli ol 500 gesamideanoj venintaj el 18 diversaj landoj kuniĝis por propagandi nian karan lingvon. La celo estis plene trafita, ĉar ja en vere internacia mezo tiu Kongreso okazis. La multnombraj vizitantoj venintaj el ĉiuj partoj de l' mondo por admiri la belegan Gentan Ekpozicion povis konstati per si mem, ke Esperanto ne estas utopio, sed ke ĝi estas jam vivanta lingvo posedanta ageman popolon. La semoj, kiujn oni disĵetis dum tiu « Esperanto - Semajno » estos fruktodonaj por nia kara afero.

Dum la Genta Ekspozicio okazis ankaŭ grava fakto por Esperanto. S-ro WITTERYCK, nia agema kaj simpatia prezidanto, faris dum la 1a Kongreso por la helpo al la militaj vunditoj bonegan raporton pri Esperanto ĉe la militkampo kaj la Ruĝa-Kruco. Tiu raporto, kiu aperis en *Belga Esperantisto* n° 60 (Oktobro 1913), estas tre interesa kaj faris grandan impreson sur la ĉeestantaro. Ĝi aperis ankaŭ en la ĝenerala raporto de la ĉi-supre citita Kongreso kaj certe verdaj semoj leviĝos en la Ruĝa-Krucanaro.

Se la lasta somero estis speciale favora por nia afero, la vintro ne estis malpli fruktodona. Oni prave diras,ke la Kongresoj donas novajn fortojn al niaj propagandistoj : en ĉiuj grupoj oni rekomencis la propagandon kun nova fervoro ; sukcesplenaj kursoj estis ĉie organizataj, kaj disaj fervoraj amikoj klopodis por enkonduki nian karan lingvon en novajn rondojn ; la trafitaj rezultatoj estas vere ĝojigaj.Kvar novaj grupoj fondiĝis :

1e En Lodelinsart, dank'al la klopodoj de S-ro HENRAUT, la prezidanto de la grupo. Specialan signifon havas la starigo de tiu grupo : ĝi estas la kerno de serio da novaj grupoj starigotaj en la industria regiono de Charleroi.

2° En Kortrijk. La starigo de tiu grupo estas speciale kontentiga. Ĝia prezidanto, S-ro VAN DE PUTTE, estas unu el niaj plej malnovaj belgaj samideanoj ; senkuraĝigite de la malĝentilaj agmanieroj de la reformemuloj, li forlasis nian movadon, sed nun, ĉar li konstatis, ke malgraŭ la senĉesaj atakoj de siaj malamikoj Esperanto ne fartas malpli bone, kontraŭe, li reeniris niajn vicojn kaj denove batalas por nia sankta afero. Li estu la bonveninto inter ni. Dankon ankaŭ al S-ro DEMEY, dank'al kiu la Kortrijk'a grupo estis starigita.

3° En St Denys, apud Gent, nia amiko S-ro VERBEKE sukcesis starigi viglan grupeton, kies esperantemo estas vere admiriga.

4° En Ledeberg, dank'al la klopodoj de niaj geamikoj F-ino COLYN kaj S-ro VARENDONCK, nova grupo fondiĝis. Ĉar mi persone konas la agemon de la du gefondintoj,mi ne dubas,ke post nelonge tiu nova grupo fariĝos unu el la plej viglaj.

Kelkaj grupoj speciale distingiĝis. *Suda Lumo*, el Antwerpen, eldonis interesan grupan bultenon. Imitinda ekzemplo, kiun ni ŝuldas grandparte al S-roj JACOBS, DE BACKER kaj DERKS, la estroj de tiu vigla grupo, kiu estas nun je la unua vico inter niaj belgaj grupoj.

En Gent oni ankaŭ ne dormis. Le tiea ĵurnalo *Gento-Esperanto* multe pligraviĝis kaj tre helpas al la propagando de nia kara afero. La Genta movado fariĝas pli kaj pli ampleksa ; multaj kursoj estas organizitaj dum la pasintaj vintroj kaj nuntempe 4 diversaj okazas ankoraŭ ĉiusemajne, inter kiuj unu por la Ruĝa-Krucanoj, kiu tre bone sukcesis. La 3an de Majo okazis en Gent ekzameno pri profesora kaj simpla kapableco. Dek-du kandidatoj sin prezentis : 8 el Gent, 2 el Gendbrugge, 1 el Brussel kaj 1 el Lier ; ĉiuj partoprenintaj bone sukcesis. La Prezidanto de la juĝantaro baldaŭ prezentos al vi specialon raporton pri tiuj ekzamenoj.

En Brussel nia afero ankaŭ bone progresadas; oni ĵus sciigis min pri la apero de nova ĵurnalo, *Revuo de la Gazetaro*. Mi deziras al tiu nova organo longan kaj prosperan vivon.

Nia Prezidanto ankaŭ ne perdis sian tempon. Kiom eraras la personoj, kiuj opinias, ke la prezidanteco de la Ligo estas nur honora posteno ! Celante diskonigi nian lingvon inter la ĵurnalaro, S-ro WITTERYCK penis havigi al si la adresojn de ĉiuj belgaj ĵurnaloj, al kiuj li dissendas preskaŭ ĉiumonate bultenon, kiu enhavas la ĉefajn okazintaĵojn rilatantajn nian aferon. Tiu initiato estas tute dankinda kaj helpinda. Ni ĉiuj devas klopodi, por ke la ĵurnaloj kiel eble plej raportu pri nia movado ; estas la plej bona rimedo por diskonigi nian aferon. Mi do faras alvokon al la personoj, kiuj havas rilatojn kun ĵurnaloj, uzi sian influon por helpi nian Prezidanton.

Jen, Altestimataj Samideanoj, la bilanco de nia lastjara agado. Ni povas konkludi, ke nia belga movado pli kaj pli antaŭeniras.

Sed ĉu la akiritaj rezultatoj sufiĉas? Cu sufiĉas, ke la grupoj organizu kursojn aŭ festojn? Ĉu sufiĉas, ke nur kelkaj grupoj estas starigitaj? Mi malkaŝe respondas: ne! Ne kvar, sed dek, dudek novajn grupojn oni devus starigi! La nuna stato de nia afero estas ja sufiĉe forta por ebligi tian rezultaton. Sed por tio ni devas interkonsente labori, io devas kunigi niajn fortojn. Unu homo povas malmulte, du homoj povas iom pli, kaj cent bonvolemuloj povas ĉion. Ni do unuiĝu. Ni memoru nian nacian devizon: *Unueco donas fortecon*. Ni nepre devas interlabori en sincera unueco, se ni volas volas esti fortaj. Niaj rilatoj devas ĉiam esti sinceraj kaj amikaj. Se en urbo ekzistas du grupoj, ili sin reciproke kunhelpu anstataŭ sin kontraŭstari; oni memoru, ke Esperanto ne estas loka afero, sed esence internacia: ni do devas agi por ĝia ĝenerala bono, sed ne por persona aŭ loka sukceso. Antaŭ ĉio ni devas esti pacemaj batalantoj, ni devas forgesi nian personajn tendencojn, niajn personajn dezirojn, kaj nin submeti bonvole kaj sincere je la decido de l'plejmulto, eĉ kiam tiu decido kontranstaras niajn intimajn dezirojn. Nur agante tiamaniere la konkordo regos inter ni kaj ni montros nin indaj je la bela celo, por kiu ni klopodas, indaj je Esperanto, indaj je nia kara Majstro.

**Parolado dirita de S-ro MATHIEUX dum la ĝenerala kunsido: Kiel konservi la membrojn en la grupoj kaj igi kunsidojn interesaj?**

*Karaj Gesamideanoj*,

Kiel malfortika infaneto estas ĉiutage minacata de plej kruelaj kaj danĝeraj malsanoj, tiel grupo komenciĝanta bezonas plej atentemajn zorgojn de sia kreinto.

Naski grupon estas facilege, precipe en nia lando. Vi konas la dirajon: kiam tri belgoj kunvenas, ili tuj formas societon, kies prezidanto unu estas, vicprezidanto alia, kaj sekretario la tria.

Esperanta grupfondiĝo bezonas iom pli da peno, ĉar estas necese (aŭ preskaŭ), ke la estontaj membroj kaj komitatanoj antaŭe dediĉu kelkajn horojn al lernado.

Nu, la unua kunveno okazis. Ĉiu fondinto venigis du aŭ tri amikojn. Oni diskutas la titolon de la societo, la tagon de la kunvenoj, la sidejon, kaj oni ekverkas la regularon. Tre interese, ĉu ne?

Dua kunveno: oni diskutas la regularon... Tria: oni babiladas, verkas programon: malfacile... tre malfacile. Oni proponas, ke ĉiu membro siavice faru paroladon: tre bone... tre bone! Kiu komencos? Kompreneble, la prezidanto, eksprofesoro de siaj grupanoj.

Sed post du aŭ tri el tiaj kunvenoj la afero iĝas malfacila, ĉar grupo konsistas ordinare el du aŭ tri (kelkfoje unu) laborem-

uloj,konvinkuloj, kaj multaj aliaj personoj,kiuj venas por aŭskulti, babiladi... amuziĝi...

Ĉiam la tuta organizaĵo ripozas sur unu, du aŭ tri personoj, kaj la sukceso de la entrepreno tute dependas de iliaj kapabloj kaj de ilia persistemo.

Ili utile studos la karakterojn de la aliaj membroj, ĉar se kelkaj estas vere indiferentaj, aliaj kaŝas ambiciajn animojn, kiujn oni tuj algajnos,donante al ili ian funkcion. Tiuj ĉi, lerte kuraĝigataj, povos poste iĝi plej agemaj helpantoj.

Sed daŭre interesi la plimulton el la anoj, tiujn, kiuj, lacigitaj pro aliaj laboroj kaj cetere tre okupataj, ĉeestas la kunvenojn por trovi tie iom da ripoza distraĵo, tio estas la vera tasko de la grupestroj. Kaj tio bezonas senfinan, absorbegan laboron. Senlace oni devas trovi novaĵojn, ekskursojn, festetojn, elmontrojn de kuriozaĵoj, k. t. p., kies preparado kaj organizo kostas multajn penojn kaj postulas pli da tempo, ol la plej ĉarma kaj atentinda virino!

Ne kredu, ke mi trogravigas tiun taskon : tiuj, kiuj provis plenumi ĝin, certe interkonsentas kun mi.

Sed mi rapidas diri, ke ekzistas rimedoj, bonegaj rimedoj (kiam eblaj !). Unueco donas fortecon : dividu la laboron kaj zorgu ĉiam,ke neniu funkcio el la komitato estu plenumata de nelaboremulo.Se unu laciĝas, li estu kiel eble plej frue anstataŭigata.

La kunvenoj devas esti duspecaj : la tedaj, dum kiuj oni diskutas organizajn demandojn,devas esti ĉeestataj de la komitato nur ; la ĝeneralaj kunsidoj devas esti rezervitaj al aplikadoj de nia lingvo : legadoj, paroladoj, ludaĵoj, interŝanĝo de gazetoj kaj de korespondaĵoj, ekskursoj, k. t. p. Ili devas pritrakti la plej diversajn temojn, tiamaniere, ke ili allogu ĉiujn.

Pripensu, ke je la tago de la kunveno multaj membroj ŝanceliĝas :ĉu mi iros al la grupo,aŭ ĉu mi iros al kinematografejo, al teatro, al bierejo...? La koncurenco estas terura, Gesinjoroj ! Por ĝin sukcese kontraŭbatali, kunvokiloj kun kelkaj vortoj pri la celo de la kunveno estas tre efikaj. Ili haltigas la ideojn kaj ofte decidigas.

Mi konas ankoraŭ lastan rimedon, kiun mi diras al vi konfidencie : profunda psikologiisto iam konstatis, ke direkti homojn laŭvole estas ludo por tiu, kiu flatas ilian memestimon.

Jen aplikado : ĉiu homo havas specialan emon aŭ lertecon por iu ideo aŭ okupo : unu estas muzikisto, alia deklamas, tria kolektas monerojn, k. t. p. Nu, kvazaŭ ne pripensante, donu al ĉiu el viaj gegrupanoj la okazon elmontri, valorigi tiujn talentojn. Li certe estos al vi tre dankema, kaj la kunvenoj iĝos tre diversaj kaj interesaj al ĉiuj.

Resume, la sukceso de grupo nur dependas de ĝiaj organizantoj. Ili devas posedi multajn kvalitojn, laboremon kaj lertecon, kaj devas oferdoni sian tutan disponeblan tempon.

Kvazaŭ gardostarantoj fidelaj, ili devas atenti senlace je ĉiu kaŭzo, kiu povus haltigi la progresojn de ilia grupo : precipe forpeli enuon kaj tedecon.

Kaj ankaŭ ili devas prizorgi la estontecon. Krom rentuloj, mi kredas,ke neniu povas daŭre sin dediĉi al tiaj taskoj. Do, dum ili funkcias, ili devas formi, prepari siajn posteulojn, kaj kiam tiuj ĉi estos pretaj, ili povas fiere kaj kontente reeniri la vicojn de la simplaj samideanoj kaj doni al novaj voloj kaj kapabloj la okazon taŭge elmontri siajn meritojn.

Tiel progresas la mondo !

## Projekto de protokolo pri la ĝenerala kunsido de la « Belga Ligo Esperantista » okazinta en Mechelen, la 31an de Majo 1914

La kunsido estas malfermata je la 11 1/4 en la Urba Festĉambrego. S-ro WITTERYCK, prezidanto, prezidas; ĉirkaŭ la prezidanta tablo sidas S-roj PETIAU, ĝenerala sekretario, kaj MATHIEUX, kasisto ; S-ro DELVAUX, vicprezidanto, senkulpiĝis.

La prezidanto petas S-rojn VAN PETEGEM, prezidanton de la Organiza Komitato, WILLEMS, provincan inĝenieron, honoran vicprezidanton, kaj J. VAN DE VELDE, sekretarion, preni lokon ĉe la tablo.

Tre aplaŭdatan malferman paroladon (kiu jam aperis en la Junia numero de B. E.) faras la prezidanto. Li legas senkulpigajn leterojn de S-roj DELVAUX, vicprezidanto de la Ligo, DERVAUX, prezidanto de la grupo de Caprycke, kaj de D-ro BOTTE, el Casteau-apud-Mons, kiu atentigas la Kongreson pri la utileco por nia afero, ke la plejmulto de niaj samideanoj estu delegitoj de la Belga Turing-Klubo ; telegramon de la *Germana Esperanto-Asocio,* leterojn de la grupo *Suda Lumo,* el Antwerpen, de S-ro STAROSJELSKIJ, prezidanto de la *Transkaspia Societo Esperantista,* el Aŝabad (Turkestano) ; de la organiza komitato de la VIIa Kongreso de la *Federacio de la Nordaj Grupoj de Francujo* okazonta en Lille la 28an de Junio, kiuj deziras grandan sukceson al la Kongreso.

Poste, la ĝenerala sekretario legas sian raporton pri la agado de la Ligo dum la lasta jarperiodo. S-ro MATHIEUX, kasisto, legas sian raporton kaj donas la bilancon de la Liga kaso.

Post la legado de tiuj raportoj, la prezidanto vokas la novdiplomitojn pri simpla kaj profesora kapableco, li gratulas ilin, kaj S-ro D-ro VAN DER BIEST, prezidinto de la ekzamena ĵugantaro, legas raporton pri la lasta ekzameno, sekve de kiu S-ro WITTERYCK disdonas la diplomojn.

La temo n° 5a (parolado de S-ro MATHIEUX) estas antaŭata de la 6a : aprobo de la ŝanĝoj al la regularo, proponataj de la komitato. La projekto de la nova teksto, kiu estas disdonita al la gekongresanoj, estas legata, artikolo post artikolo, kaj same submetata al voĉdonado. La tuta nova teksto estas unuvoĉe akceptata sen observo.

S-ro MATHIEUX, la simpatia kasisto de la Ligo, faras rimarkindan paroladon pri la tre grava temo : « Kiel konservi la membrojn en la grupoj kaj igi la kunvenojn interesaj ? » Elokvente kaj tre sprite S-ro MATHIEUX priparolas diversajn bonajn rimedojn, kiuj tre utilos al la grupestraroj.

Fine, la Prezidanto sciigas,ke ekspozicio de Esperantaj libroj estas aranĝita en la librejo RYCKMANS ; li ege konsilas viziti ĝin. La gekongresanoj estas ankaŭ petataj sukskribi albumon de la Internacia Bibliografia Instituto,ŝuldata al la ağemo de S-ro VERMANDEL, el Antwerpen.

La Prezidanto fermas la kunsidon je la 13a.

La ĝenerala Sekretario,
H. PETIAU.

---

# Deka Internacia Kongreso de Esperanto

(*Paris, 1a ĝis 10a de Aŭgusto 1914*)

Respondante al multaj petoj, la Kongresa Komitato publikigis buĝeton por la restado en Paris dum la Kongresa semajno :

Por *ŝparema* kongresano :

| | |
|---|---|
| 7 noktoj, klaso G., kun trinkmono . . . | Fr. 15.50 |
| 7 matenmanĝoj (1 taso da kafo kaj 1 bulko) po fr. 0.15 » | 1.05 |
| 13 manĝoj (« à prix fixe » : tuko, 1 almanĝaĵo aŭ supo, 1 viandaĵo, 1 legomo, 1 deserto, 1 litrokvarono da vino, pano laŭvole), kun trinkmono, po Fr. 1.50. . | » 19.50 |
| Teatro . . . . . . . . . . . | » 2,50 |
| Ekskurso al Versailles (tagmanĝo entenata) . . | » 4.— |
| Flankaj elspezoj. . . . . . . . . | » 10. – |
| | Fr. 62.45 |

Por *komfortema* kongresano :

| | |
|---|---|
| 7 noktoj, klaso E., kun trinkmono . . . | Fr. 23.10 |
| 7 matenmanĝoj . . . . . . . . | » 5.35 |
| 13 manĝoj, kun trinkmono . . . . . | » 36.— |
| Teatro . . . . . . . . . . | » 5.— |
| Ekskurso al Versailles . . . . . | » 4.— |
| Flankaj elspezoj. . . . . . . . | » 20.— |
| | Fr. 93.45 |

* * *

La geaktoroj, kiuj ludos GEORGO DANDIN, estas la samaj, kiuj prezentis en Barcelona la teatraĵon *Mistero de Doloro,* nome; S-ino MARIA PANADÉS DE VILA, F-inoj MARIA VILA PANADÉS kaj RAMONA MESTRES ; S-roj ENRIC XIMENES, JOSEP CLARAMUNT, MUNT-ROSÉS kaj CARLES URBEZ.

* * *

Kvar postkongresaj ekskursoj (1) estas proponataj al la kongresanoj :

1. — *Ekskurso al urboj kaj kasteloj de l' valo de la Loire.*

*Dutaga* (10-11 Aŭg.) Vizito de Orléans, Blois, Chambord, Amboise, Tours, Langeais. Prezo : 2a klaso, fr. 57.50 ; 3a klaso, fr. 48.50.

*Kvartaga* (10-13 Aŭg.) Sama programo kiel la dutaga, plie : vizito de Saumur, Fontevrault, Montsoreau, Angers, Trelazé. Prezo : 2a kl., fr. 86.50 ; 3a kl., fr. 74.50.

2. — *Ekskurso tra Normandio.*

*Dutaga* (10-11 Aŭg.) Vizito de Rouen, Bonsecours, Le Hâvre, Trouville. Prezo : 2a kl., fr. 39. – ; 3a kl., fr. 33.—.

*Tritaga* (10-12 Aŭg.) Sama programa kiel la dutaga, plie vizito al Sainte-Adresse kaj plilonga restado en Trouville. Prezo : 2a kl., fr. 49.— ; 3a kl., fr. 43.—.

3. – *Ekskurso tra Champagne kaj Vosges* (10-12 Aŭg.) Vizito al Reims, Nancy, Gérardmer, valo de Ramberchamp, la Schlucht, Hoheneck, Prezo : 2a kl., fr. 84.— ; 3a kl., fr. 69.50.

4. – *Ekskurso tra Limousin-Quercy-Périgord* (9-15 Aŭg.) Vizito de la admirindaj valoj de famaj riveroj Vienne, Corrèze, Dordogne, Célé kaj Lot ; Limoges, Tulle, Brive, Rocamadour, Figeac, Cahors, Gourdon, Domme ; profundegaĵo de Padirac. Prezoj : 2a kl., fr. 220.— ; 3a kl., fr. 200.—

* * *

## Oficiala Komuniko de l'Organiza Komitato

Fiksinte je la 1a de Junio la lastan templimon por aliĝi por 15 Fr. ni celis rapide havigi al la Kongreso sufiĉe grandan nombron da partoprenantoj. La celo estas atingita, ĉar antaŭ la 1a de Junio ni ricevis pli ol 3000 aliĝojn. Al ĉiuj ni sincere dankas.

Eble tamen kelkaj samideanoj, pro neriĉeco aŭ alia kaŭzo, ankoraŭ ne povis sendi sian aliĝon. Ĉi tiujn ni deziras favori. Estante nun certaj, ke ni ne kompromitos la sukceson de la afero, ni povas prokrasti la templimon ; kaj tion povante fari, ni faras.

Do, *la templimo estas prokrastita ĝis la 15a de Julio* ; antaŭ tiu dato la aliĝo kostos 15 Fr. (por familianoj, t. e. edzino kaj infanoj, 10 Fr.) ; post tiu dato ĝi kostos 25 respektive 20 Fr. Kongresanoj, kiuj sendis 25 frankan aliĝon inter la 1a de Junio kaj la 15a de Julio, rericevos la troan monon en la akceptejo.

Estas neeble, konservi la saman prezon ĝis la Kongreso mem: efektive personoj, kiuj aliĝos ekz. je la 25a de Julio, kaŭzos al ni certe tre grandan plezuron, sed ankaŭ laboron pli malfacilan kaj karan : juste estas, ke ke ili pagu ĝin. Aliparte tio ne ĝenos la verajn ŝparemulojn, ĉar persono, kiu ne kapablis en naŭ monatoj

(1) La prezoj enhavas la elspezojn pri vojaĝo de Parizo (ire kaj reire) ramveturiloj, veturiloj, eniroj en kasteloj, muzeoj, k. t. p., gvidistoj, hoteloj, manĝoj, trinkmonoj, k. t. p.

kunigi 15 Fr., en du semajnoj kredeble ankaŭ ne kapablos tion fari.

Ni estas certaj, ke vi, karaj esperantistoj, kvankam vi nun rajtas malfrue aliĝi, tamen klopodos por aliĝi tuj. Vi disponas la monan kaj spiritan rimedon, — ni la laboremon. Ni kuniĝu kaj ni venkos.

* * *

Lasthorajn novaĵojn pri la Deka oni trovos sur la paĝo 216.

## EKSTERLANDA KRONIKO

**AŬSTRIO-HUNGARUJO.** — Post propaganda parolado farita en Beroun de S-ro ŜLIDO, redaktoro de *La Kulturo*, malfermiĝis en tiu urbo du Esperantaj kursoj gvidataj de S-roj A. RAZ kaj F. KRAUS kaj ĉeestataj de 470 lernantoj.

— Novaj kursoj komenciĝis en Nierdergrund, Pozega, Trieste kaj Wien. Novaj grupoj fondiĝis en Daubitz kaj Olmütz.

**ARĜENTINA REPUBLIKO** — Nova grupo fondiĝis en Rosario de Santa Fe. — En Bahia-Blanca okazis Esperanta ekspozicio, pri kiu la lokaj ĵurnaloj tre favore raportis.

**BULGARUJO.** — Dum la terura militado en la Balkanaj landoj la esperantista movado tie tute malaperis. Nun la kanona tondrado finiĝis, kaj la pacaj batalantoj denove aperas kaj rekomencas sian homaman laboron. La milito forrabis el niaj vicoj multajn samideanojn (inter kiuj la sekretario de « Lumo », S-ro ĤARAHAMBEY el Tirnovo), al kiuj ni sendas emociplenan adiaŭon. — En Rusĉuk, la ĉiusemajna aldono de la ĵurnalo *Telegramm* « Die Kultur » eldonas regule artikolon pri Esperanto. — En Ĥaskovo, Viddin, kaj aliloke, oni organizas novajn kursojn.

**FINNLANDO.** — En Tampere okazis la 4a Kongreso de la Finnaj Esperantistoj kun la kunsido de la Esperanto-Asocio de Finnlando kaj distrikta kunveno de la delegitoj de U. E. A. Tre sukcesa propaganda festo estis organizita, evidente ankaŭ komuna festeno (ŝajnas ja, ke tiu kutimo ne estas nur belga, kiel oni ofte pretendas). La kongreso finiĝis per bela ekskurso al Pyynikke kaj Varala.

**FRANCUJO.** — La medicina gazeto *L'Avenir Médical*, eldonata en Lyon, aperigis belan artikolon pri Esperanto kaj ĝiaj meritplenaj ecoj. Ĝi ankaŭ anoncis la speciala : kunvenon de la Universala Asocio de Esperantistaj Kuracistoj, kiu okazos dum la 10a Kongreso en Paris. Supozante, ke la momento venis por precize konigi al la kuracistaro la profitojn de nia helpa lingvo, la gazeto publikigos en sia proksima numero dokumentita studo de unu el la plej kompetentaj kuracistoj-esperantistoj.

— Grandan sukceson havis en Levallois-Perret la Kongreso de la Federacio de la Pariza Regiono ; S-ro urbestro LESAGE prezidis la festenon, ĉe kiu la deputato WILLM tre favore parolis pri nia lingvo.

— En Paris okazas ĉiulunde kaj ĉiumarde en la Centra Poŝtejo kursoj por la poŝtoficistoj. La premiitaj lernantoj dejoros dum la Esperanto Kongreso kaj surhavos la verdan stelon.

**GERMANUJO.** — La 9a Germana Kongreso de Esperanto okazis dum la Pentekostaj tagoj en Leipzig kaj kunigis 634 partoprenantojn. La proksimjara kongreso okazos en Düsseldorf.

— La germanaj samideanoj organizas specialan karavanon al la 10a Internacia Kongreso de Paris.

— La Esperanta Gruparo de Berlin kaj la «Zentralstelle für Fremdenverkehr» eldonis bele ilustritan Esperantan gvidlibron tra la Germana ĉefurbo.

— Reĝo Frederiko Aŭgusto de Saksujo honoris per la 1aklasa kavalirkruco de la Albertordeno niajn Esperantajn amikojn D-ron A. Steche, K. von Frenckell kaj Prof-ron D-ron H. Göhl. Niajn plej sincerajn gratulojn al ili!

— La grava societo *Der Vortrupp* (10.000 membroj) havis sian unuan kunvenon en Leipzig, dum la Pentekostaj tagoj; en sia festparolado, S-ro D-ro Jur. Hermann M. Popert, el Hamburg, montris Esperanton, kiel potencan rimedon por plialta kulturo. La Julia numero de la oficiala organo de l' nomita societo publikigas raporton pri la 9a Germana Kongreso de Esperanto. Ses Esperantaj grupoj de Leipzig fondis inter si ligon, kiu i. a. celas la starigon de Esperanta Hejmo

**HOLANDO.** — La tramoficista grupo *La Verda Stelo* en Rotterdam ekzistas 4 jarojn kaj ĝi solene festis tiun okazintaĵon la 28an de Aprilo kaj la 8an de Majo. La du festoj, kiuj okazis en la Festhalo Tivoli kaj kiujn ĉeestis pli ol 400 personoj, brile sukcesis.

**ITALUJO.** — Nova grupo sub honora prezido de la urbestro fondiĝis en Piacenzo. Kursoj komenciĝis en Borgo, S. Domino kaj Brusseto.

**SERBUJO.** — En tiu lando la movado ankaŭ rekomenciĝas; en Cuprija okazis parolado, post kiu malfermiĝis kurso.

**USONO.** — En St Louis, S-ro Pastro Mariano Mojado, del. de U. E. A., gvidas ses kursojn, ĉe la kolegio de la Kristanaj Fratoj kaj en la publika biblioteko.

— Kvankam la angla lingvo estas la oficiala lingvo de la kongresoj, la Organiza Komitato de la Ekspozicio de San Francisco klopodos por doni oficialajn interpretistojn al la parolantoj, kiuj uzos la francan, germanan, hispanan aŭ *Esperantan* lingvon.

— La «Komitato pri Edukado» de la Ĉambro de Deputatoj esploras proponon de nia samideano deputato, S-ro Richard Bartholdt, per kiu li celas «akceptigi en la popolajn lernejojn de la distrikto de Columbia la lernadon de Esperanto, kiel helplingvon kaj rimedon por plifaciligi la intimajn kaj komercajn relatojn de Usono kun aliaj landoj.» F. Delgarbo.

---

# La familia lulilo

Mi ne devenas de nobelaj praavoj. Mia avo estis buĉisto. Ĉiuj liaj titoloj konsistis el tio, ke li estis bonsana, bonkora kaj laborema viro, ke li kaj lia edzino donis la vivon al dek-tri infanoj, kaj ke ambaŭ gepatroj estis fieraj kaj honestaj: honestaj, ĉar ili donis al Cezaro tion, kio devas esti donata al li, kaj ĉar ili ŝuldis nenion al iu ajn; fieraj, ĉar ili perlaboris la ĉiutagan panon por la tuta familio, per sia propra manlaborado, kaj petis nenion de iu ajn. Tiuj titoloj donas nek blazonon nek nobelecon, sed ili almenaŭ donas noblecon, fieron kaj la konvinkon, ke oni estas iu memstara, por kiu ankaŭ la suno brilas.

Nu, mia avo estis buĉisto kaj same kiel liaj samprofesiuloj, li ĉiusemajne iris en la kamparon, en diversajn vilaĝojn, por tie aĉeti la bestojn necesajn al sia buĉejo. Tiam li metis sian nigran drapan kasketon, sian bluan freŝlavitan kitelon kaj, la bastonon en la mano, li foriris en iun aŭ alian vilaĝon.

Iun tagon li estis en la vilaĝo D..., kie lie vizitis kamparanon bone de li konatan. Li trovis lin okupata per la elradikigo de ĉerizarbo.

— Ho, ho, amiko Jan, vi elradikigas tiun belan ĉerizarbon, kiu ĉiujare donas tiom da bongustaj fruktoj !

— Jes, amiko, respondis Jan, mia edzino opinias, ke la arbo kreskas tro proksime al nia kuirejo kaj ke ĝi forprenas tro da lumo de ni dum la plej granda parto de la jaro.

— Kaj kion vi intencas fari per tiu ligno ?

— Ni bruligos ĝin en nia fajrujo. Ni havos almenaŭ lignon por du vintrasemajnoj.

— Ho, amiko, tion vi certe ne faros. Vendu tiun arbon al mi, mi povas uzi la lignon por farigi belajn meblojn el ĝi.

— Nu, amiko, se tio povas plaĉi al vi, mi priparolos la aferon kun mia edzino, kaj se ŝi estos kontenta, mi vendos ĝin al vi.

Kaj jen, kelkajn minutojn poste, mia avo aĉetis la arbon kaj pagis la monon al la edzino de Jan.

* * *

Reirante hejmen mia avo estis tute kontenta ; ĉar li jam per la okuloj mezuris la arbon kaj, ĉar la prezo estas sufiĉe malalta, li antaŭpripensis jam, kiel belajn kaj malmultekostajn meblojn oni faros el la ĉerizujo.

— Mi opinias, ke estos sufiĉe da ligno por fari du grandajn ŝrankojn por miaj du plej maljunaj filinoj.

Tiel mia avo diris al mia avino, kiam li al ŝi estis klariginta la okazintaĵon, la aĉeton de la ĉerizarbo, la prezon kaj tiel plu.

Sed la avino, tute praktika virino, respondis :

— Ĉio bona, Ludoviko, se estus eble, mi farigus la du ŝrankojn, sed ĉu vi ne opinius, ke estus utile ankaŭ farigi el tiu ligno bonan lulilon ?

Mia avo iomete ŝajnis pripensi la parolojn de sia edzino.

— Jes, Katarino, li diris, sed mi tamen dezirus, ke oni faru la du ŝrankojn. Cetere ĉu nia malnova lulilo, en kiu dormadis unu post alia la dek-du infanoj, ne estas plu sufiĉa par enpreni la dek-trian ?

— Certe, Ludoviko, tiu lulilo estas tre bona, sed antaŭ unu jaro (ĉar jam kvar jaroj forpasis sen pligrandigo de la familio) mi opiniis, ke mi ne bezonos plu ĝin kaj mi fordonis ĝin al la malriĉa Terezo el la apuda strateto, kiu, se ne, estus devigata meti sian novnaskiton en malgrandan lignan kesteton, ĉar ŝi estas tiel malriĉa, ke ŝi ne povas aĉeti eĉ la plej malaltprezan lulilon. Kaj se vi scius, kiel la mizerulino estis kontenta ! Ŝi dankis min pli ol milfoje.

— Nu, edzino, vi faris bone, kaj ĉar Dio ankoraŭ bonvolis beni nin per ne plu esperita infano, ni zorgos por nova lulilo.

* *

Tri semajnojn poste, la ĉerizarbo estis jam segita en tabulojn. Ho, ĝi estis sendube jam tre aĝa arbo! Kiom da belaj larĝaj kaj longaj tabuloj! Nevo Ludoviko, la baptofilo de mia avo, kiu estis meblisto, ekzaminінte la tutan tabularon miris pro la beleco kaj grandeco kaj ĝoje ekkriis :

— Ne nur onklo havos siajn du ŝrankojn, ne nur onklino havos sian lulilon, sed estos ankoraŭ ligno restanta.

Kaj efektive tiel okazis. Du belaj ŝrankoj, kiuj longtempe ankoraŭ ornamis mian gepatran domon kaj bona, granda, komforta lulilo rezultis el tiu ĉerizarbo.

Ho, tiun lulilon, vere familian aĵon, kiom mi ŝatas ĝin! Farigita de mia avo por onkleto, kiun mi neniam konis, ĉar li junaĝa mortis, ĝi estis donacita de mia avo al mia patrino; mi kaj mia fratino havis ĝin kiel unuan kuŝejon ;post la edziniĝo de mia patrino, ŝiaj tri geinfanoj uzis ĝin kiel liton ; kaj nun post la morto de mia bedaŭrata fratino, ĝi fariĝis mia posedaĵo. Mia unua juna filineto dormas nun en ĝi. Kaj se Dio konsentos, longtempe ankoraŭ ĝi restos kiel praava heredaĵo en nia familio.

Riĉuloj havas siajn familiajn portretojn, pentritajn de la grandaj majstroj de l'arto ; nobeluloj havas siajn aŭtentikajn nobeldiplomojn sur antikvaj pergamenoj, skribitajn kaj ornamitajn per la sigeloj de potencaj imperiestroj kaj reĝoj.

Mi ne havas ĉiujn tiujn fidindajn familiajn aĵojn, sed mi posedas la lulilon farigitan de mia avo, kaj nek por riĉe pentritaj familiaj portretoj, nek por nobelecaj pergamenoj, mi volus interŝanĝi ĝin. Ĝi estas kaj restas la familia lulilo.

* * *

Dormu, dormu bone, mia filineto, sub la protektemaj okuloj de viaj gepatroj, en la granda, komforta, ĉerizligna lulilo de via praavo!

O. Van Schoor.

# La Papilio kaj la Azeno

Papilio ŝvebis alte, alte en la aero. Ĝi ĝuis sian liberecon, sian belecon, kaj precipe ŝi gajiĝis *rigardante* ĉion, kio estis sub ĝi.

— Venu, venu ĉi tien... alten! ĝi ŝajnis krii al siaj fratoj, kiuj flugetis tre malalte sub ĝi, super la floroj de la tero.

— Ni trinkas mielon kaj restas malsupre.

— Ho, karaj fratoj, se vi scius kiel ĉarme estas ĉion vidi! Venu, venu do!

— Ĉu tie supre estas floroj, el kiuj ni povas suĉi la mielon, kiun ni, papilioj, bezonas por vivi?

— Oni *vidas* tie ĉi *ĉiujn* florojn, kaj tiu ĝuo...

— Ĉu vi havas *mielon* supre?

Estas vere, mielo tie supre ne estis!

La malfeliĉa papilio, kiu malŝatis la loĝadon malsupre, laciĝis.

Ĝi tamen provis supreteni sin! Estis tiel bele, laŭ ĝi, ĉion vidi, ĉion ĉirkaŭi en unu rigardo!

Sed mielo... mielo! Ne mielo ne estis tie supre!

Kaj ĝi malfortiĝis, tiu kompatinda papilio! Ĝia flugilbato iĝis pli kaj pli malvigla. Kaj ĝi malsupreniĝis kaj vidis malpli kaj malpli!

Ĝi tamen volis...

Ne: nenio helpis! Ĝi malsupreniĝis...

— Ha, ĝi jen venas, kriis la fratoj, kion ni diris al vi? Vi tamen venas kiel ni por suĉi mielon el la floroj ĉi tie malsupre. Ni bone tion sciis!

Tiel kriis la fratoj, ĝojaj tial ke ili pravas, kvankam ke ili pravis nur pro manko de konscio pri la belo tie supre.

— Venu, kaj suĉu mielon kiel ni!

Kaj la papilio malsupreniĝis pli kaj pli.... kaj volis ankoraŭ...

Tie estis florarbeto... ĉu ĝi tiun povos atingi?

Ĝi ne plu malsupreniĝis.... ĝi falis! Ĝi falis apud la arbeto, sur la vojo....

Kaj tie ĝi estis frakasita sub la piedoj de azeno!

(El *Ideoj*, aro I, de MULTATULI.)
Tradukis F. S.

---

# BIBLIOGRAFIO

**Pri la kredo al mirakloj** (natura klarigo de la bibliaj mirakloj), de WILHELM WINSCH, Esperanta traduko de P. WILLIAM. Eldonejo: Ader & Borel, G. m. b. H, Esperanto-Verlag, Dresden A 1. 32 paĝoj, 19 1/2 × 13 cm. Prezo: Fr. 0.65, Sm. 0.250.

Tre bonstila verketo, per kiu la aŭtoro klarigas sian vidpunkton, laŭ kiu la faktoj pritaktitaj en la Biblio okazas ankaŭ nuntempe en la ĉiutaga vivo.

**In memoriam**, originale angle verkita de TENNYSON, Esperanta traduko de A. E. STYLER. Eldonejo: British Esperanto Association, Inc., 17 Hartstreet, London, W. C. 112 paĝoj, 11 × 16 cm. Prezo ne montrita.

Belega traduko de altpensa versaĵo, verkita de la fama angla poeto TENNYSON, kiel memoraĵon al lia amiko ARTHUR HALLAM, kiun la morto tre junan forrabis de li.

F. DELGARBO.

---

# ALVOKOJ.

## Psikistoj

La psikistoj ĉeestontaj la Dekan Kongreson de Esperanto kaj dezirantaj fake kunveni, estas petataj, laŭ invito de S-ro R-ro BOIRAC, sendi plej baldaŭ siajn nomojn kaj adresojn al S-ro CAMILLE CHAIGNEAU, 6, rue de Douai, Paris.

Eĉ ne venonte, la psikistoj povas sendi Esperantajn komunikajojn.

## Farmaciistoj

Dum la Xa Kongreso en Parizo la francaj Esperantaj farmaciistoj okazigos ankaŭ fakan kunvenon de farmaciistoj. Ĉe tiu ĉi kunsido estus okazo, revivigi la ekdormiĝintan «Internacian Esperanto-Farmaciistan Asocion». Mi petas do ĉiujn kolegojn en la tuta mondo, kiuj estas emaj aliĝi al tiu ĉi por nia movado tre interesa asocio, sendi al la ĉi suba adreso siajn aliĝdeklarojn.

D-ro HANS PROELSS,
reĝa bavara stabfarmaciisto, Karlstrasse, 9, München.

## Propagandaj lumbildoj por kinematografaj teatroj

La Esperanta Propaganda Oficejo de S-ro MARTIN PRESTELE en Gross-Geraŭ (Germanujo, Hessenlando) fabrikis tre taŭgajn lumbildojn Esperantajn por kinematografaj teatroj. La lumbildoj estas vere efikoplenaj kaj certe varbos por nia afero. Certe, tiaj lumbildoj estas tre rekomendindaj por ĉiuj grupoj, kiuj intencas fari propagandon por Esperanto. La posedantoj de la kinoteatroj certe konsentos montri la lumbildojn senpage, se la grupestroj intertraktas kun ili kaj promesas, ke la entreprenoj estos subtenataj per multnombraj kaj oftaj vizitoj de la esperantistoj je malaltigitaj prezoj. Por fabrikigi tiajn lumbildojn en la aliajn naciajn lingvojn, estas dezirate, ke fervoraj reprezentantoj kaj garantiantoj sin turnu al la supre nomita adreso.

## Kongreseto de Pacifistoj Esperantistaj

S-ro Prof. CHARLES RICHET, Nobel-premiulo, membro en la « Institut de France » (Akademioj), akceptis Honoran Prezidantecon de la Kongreseto.

La kotizaĵo restos du frankoj ĝis 25a de Julio, poste ĝi estos kvar frankoj. Per ĝi sola oni rajtos ĉeesti ciujn kunsidojn kaj kaj ricevi la postraporton : la aneco en la Ĝenerala Kongreso de Esperanto ne estos postulata.

En la programo de laboroj oni aldonis 9an temon : « Proponoj koncerne la trian Haagan konferencon ».

Komisiite : F. BROSSIER.

# LASTHORAJ NOVAĴOJ

## BELGUJO

**ANTWERPEN.** — La 23an de Junio S-ro ABEL BAESENS, ĥemiisto, faris en *Suda Lumo* paroladon, kies subjekto, *Io pri senfadena Telegrafio*, altiris multajn gesamideanojn al la sidejo de tiu vigla grupo. Pri la interesega paroladо ni presigos en nia proksima numero pli detalan raporton. Ni estas konvinkitaj, ke ĝi interesos la legantojn, kiuj ne havis la plezuron ĉeesti la klarigadon de la kompetenta paroladinto. Ni ne forgesu noti, ke S-ro BAESENS faris mult nombrajn eksperimentojn per bonegaj aparatoj, kiujn la grava firmo LEONHARD TIETZ afable pruntedonis laŭ peto de siaj oficistoj S-roj PRIEM kaj DUERINCK, kiuj neniun okazon preterlasas par helpi nian esperantistan movadon. X.

—Dimanĉon, 5an de Julio, la Esperantista Federacio organizis ekskurson al Temsche. En ĝi partoprenis dudeko da gesamideanoj, kiuj forveturis per la matena vaporŝipo kaj ĝuis agrablan vojaĝon sur la Skeldo. Alveninte en Temsche ili vizitis la purstilan preĝejon kaj admiris la belan konumuman domon de la vilaĝo. Post agrabla tagmanĝo en hotelo *Watermolen* ili akceptis sur la kajo duan grupon da Antverpenaj samideanoj, kiuj forveturis per la tagmeza ŝipo sed kiuj, ho ve ! alportis kun si plenŝarĝon da pluvo. Kuraĝe niaj amikoj entreprenis tamen la promenadon al « Malnova Antverpeno » kaj Bornhem, kie ili alvenis, malgraŭ la maliceco de senkonscienca amikino, kiu provis deflankigi la karavanon de la bona vojo ! Diun nia promenado de Bornhem al la kastelo de Marnix van St Aldegonde, kies fieran silueton ni nur de malproksime povis admiri, ne ĉesis superverŝi nin la malbenita pluvo, kiu fuŝis la bonan humoron de la ekskursantoj, kvankam kalumnia spirito de iu pedela karaktero pretendis, ke ĝin tre benis kelkaj posedantoj de pluvombreloj. Dum la reveturo ni havis la plezuron ĝui la bonfaran atmosferon de la subferdeka ŝipĉambro ; la gajeco tamen revenis inter la kolegaro kaj ja la 8a vespere oni ree atingis la Skeldurbon, promesante kaj dezirante novan ekskurson, por kiu ni speciale invitos la Sunan Moŝton. OKKER-DORE.




— Ĵus aperis propagandmarko presita en du koloroj, sur kvin diverskoloraj paperoj, laŭ la ĉi apuda desegno de S-ro A. K. CASSIERS. Tiu propagandmarko ricevis la la unuan premion en la konkurso de la *Internacia Esperantista Semajno* en Gent (1913). Ĝi estas acetebla ĉe S-ro A. VERMANDEL, Borgerhoutschestraat, 72, Antwerpen. Prezo : fr. 1.10 po cent afranke. Oni bonvolu aldoni la monon al la mendo, poŝtmandate, transpagile aŭ per respondkuponoj. X.

**BRUSSEL.** — Depost la oficiala akcepto de la *Brusela Socialista Grupo* en la Socialista Partio, ĝiaj kunvenoj okazas ĉiudimanĉe en la Popoldomo je la 8a vespere. La nombro de la anoj konstante kreskas. S-ro DE LEENER eksiĝis pro baldaŭa forvajaĝo al fremdlando kaj donacis sian Esperantan bibliotekon al la grupo. — S-ro SERVERIUS fariĝis sekretario kaj S-ro DETRY, kasisto.

KAMARADO.

## ALIAJ LANDOJ

**ANGLUJO.** — La 7a Brita Kongreso kun granda sukceso okazis dum la Pentekostaj tagoj en Sheffield. La Vikario de tiu urbo, Ĉefdiakono GRESFORD JONES, faris antaŭ la kongresanoj belegan paroladon pri nia movado kaj deziris al ili koran bonvenon. Tion ankaŭ skribe faris la urbestro de Sheffield kaj S-ro VEZEY STRONG, eksurbestro de Londan, kiu de la tago, kiam li akceptis D-ron ZAMENHOF en la Londona Urbdomo (post la Kambriĝa Kongreso), senĉese helpas nian movadon.

**FRANCUJO. — Deka Internacia Kongreso de Esperanto.** — La solena ferma kunsido okazos sabatan posttagmeze post la Oratora Konkurso, anstataŭ dimanĉon posttagmeze. La lastan dimanĉon okazos diservoj, manovroj de la Ruĝa-Kruco, kaj ekskurso al St Denis, kie la esperantistoj estos oficiale akceptataj de la Urbestraro.

— Internacia balo okazos lundon en la granda halo de *Magic City*. Kongresanoj povas vesliĝi laŭvole, ĉu per ordinara urba vestaĵo, ĉu per frako aŭ vespera vesto ; fantaziaj kostumoj ne estos permesataj, por eviti la eblajn mokojn aŭ ridojn de ne-esperantistoj. La enirkosto al *Magic City* estos pagata de la Kongresa kaso.

— Al la jam anoncitaj teatraĵoj *Georgo Dandin* kaj la 4a akto de *Morto de Sokrato*, estos aldonata unuakta komedio — ĵus eldonita kaj ĝis nun ankoraŭ ne ludita — de Tristan Bernard, la bone konata humorista aŭtoro Pariza, jam de longe fervora adepto kaj propagandisto de nia lingvo. La nomo estos nur sciata lastmomente, kaj la tuta afero estos agrabla surprizo por la kongresanoj.

— Fakaj kunvenoj okazos en *Kolegio Chaptal*, apuda al la kongresejo, tre afable disponigita de la kolegiestro, S-ro Weil ; kaj ankaŭ, kiam tio estas eble, ĉe la sidejo de la diversaj societoj ; ekzemple la kuracistoj kunvenos en la *Akademio de Medicino*, k. t. p.

— Samideanoj, kiuj deziras partopreni la turnirojn de ŝakludo kaj de bilardo, bonvolu sendi sian aliĝon al *Ŝakludo*, Deka kongreso de Esperanto, 3, Place Jussieu, Paris, kaj al *Bilardludo*, sama adreso, aŭ al la organizanto, S-ro de Coppet, 179, Boulevard Pereire, Paris. Oni skribu kiel eble plej rapide por la regularoj kaj aliĝoj.

— Konkurso de piedkurado okazos en Versailles, sur la ombraj aleoj de la Parko, kaj estas speciale aranĝita por la kongresanoj. — Unua provkuro, dum la mateno, grupigos la aliĝintojn el ĉiu sama nacio, kaj montros la venkinton, kiu partoprenos la definitivan kuradon dum la posttagmezo. Diversaj premioj (diplomoj kaj medaloj) estos disdonataj. Speciala konkurso por sinjorinoj, kun apartaj premioj, ankaŭ okazos. — Metiaj sportistoj ne estas akceptataj ; kaj la komitato havas la rajton ne efektivigi la konkurson, se okaze la aliĝintoj ne estos sufiĉe multaj. Partoprenantoj sendu sian aliĝon al *Turniroj*, 3, Place Jussieu, Paris.

— Ankaŭ la privatuloj subtenas la Parizan kongreson. La *Gazeto de la Deka Kongreso* sciigas, ke la granda magazeno *Au Bon Marché* disponigis al la Kongresa Kaso sumon de Fr. 700.—. Tiu magazeno estas la plej granda kaj grava en Parizo ; ĝi uzas milojn kaj milojn da oficistoj ; en ĝi troviĝas interpretistoj por ĉiuj lingvoj. Antaŭ kelkaj jaroj tiu firmego interesiĝis je Esperanto ; per favorado de la direktistoj S-ro Warnier gvidis specialan kurson, kaj fondiĝis grupo de *Bon Marché*, sekcio de la Pariza Grupo, vigle estrata de F-ino Perrot.

**ITALUJO.** — La 4a Kongreso de Italaj Esperantistoj okazos en Bologna la 24-27 Oktobro. La preparaj laboroj estas jam energie kondukataj.

**SKOTLANDO.** — La 7a Skota Esperanto-Kongreso okazis la 6an-7an de Junio en Kilmarnock ; ĝi ĝuis oficialan akcepton de la Urbestraro kaj multaj eminentaj personoj de la loko esprimis sian simpation por la Esperanta aferoj. Ni notu i. a., ke S-ro D-ro Scougall, eks-ĉefinspekoro de lernejoj, tre laŭdis la kvalitojn de nia lingvo kaj konstatis, ke la vera simpleco de Esperanto postulas, ke ĉiu eniru en la lernejojn.

— La esperantistaj policistoj de Edinburgh ne ĉesas interesiĝi je nia lingvo kaj tre regule ĉeestas la ĉiusemajnajn duhorajn kunvenojn, kiujn gvidas nia bona kaj nalacigebla amikino F-ino A. M. Munro. F. Delgarbo.